**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya
Balmes, 38 Tel. (93) 7881839
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

Jarabono . . . . . . . . . . . . 1500 p-toj

ENHAVO

La kovrilo: Solena Fermo de la 72a Universala Kongreso de Esperanto.

Paĝo



Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 240 26 62
08028 BARCELONA

PREZIDANTO. Salvador Aragay

VICPREZIDANTO. Luis María Hernández

SEKRETARIO. Víctor Ruiz

VICSEKRETARIO. Josep Miranda

KASISTO. Joan Font

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros. Libreta núm. 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

JUNULARA SEKCIO (H.E.J.S.)
Sol, 75
41003 - SEVILLA

FERVOJISTA SEKCIO (H.E.F.A.)
Ronda S. Antonio 46-50, 2° 4°
08001 BARCELONA

TURISMA SEKCIO KAJ ELDONA FAKO kaj "FUNDACION ESPERANTO"
Inés Gastón
P° de la Constitución 35, 4°
5001 ZARAGOZA

LIBRO–SERVO
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID
Pagojn por LIBRO–SERVO
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ĈEFDELEGITO DE U.E.A. EN HISPANUJO
Juan Azcuenaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2° izda.
Tel. (942) 33 94 87
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13, 3° P-7
28015 MADRID

INFORMA OFICEJO
Julio Herrero
Nontecorto 9, 3° 16ª
29014 MALAGA

# POLLANDO EN NIA KORO

La evento plej grava de la Monda Esperanto-Movado okaze de la centjara datreveno de Esperanto jam okazis. La 72a Universala Kongreso de Esperanto realigita de Universala Esperanto-Asocio en Varsovio, sigelis la grandiozan triumfon de la internacia lingvo kreita de L.L. Zamenhof.

Sinceran dankon al: la Honora Prezidanto de la U.K. Román Malinowski (Prezidanto de la Pola Parlamento), s-ro Roman Dobrzyński (Prezidanto de Pola Esperanto-Asocio), s-ro Stanislau Swistak (Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato) pro ilia senlaca kunlaborado dum la 7 kongresaj tagoj.

Raporti pri tiu U.K. vere estas malfacilega tasko, ĉar la subskribinto povis ĉeesti kaj partopreni en nur kelkaj dekoj da aranĝoj. Kaj se ni mencias, ke en la U.K. okazis proksimume pli ol 100 aranĝoj: Komitataj Kunvenoj, Artaj Festivaloj, Konferencoj. Paroladoj, Seminarioj, Koncertoj, Teatraĵoj, Turismaj ekskursoj kaj vizitoj, oficialaj akceptoj, eĉ du oficialaj inaŭguroj, ĉar la bela salono de la Kongresejo ne sufiĉis pro la alta nombro de ĉeestantoj (oficiale 5941) kaj plie ne oficialaj kunvenoj de la kongresanoj mem. Vi kara leganto povas kompreni mian embarason.

Tiel do, sekve mi rakontos mian impreson rilate la oficialajn aranĝojn. Pro la grava Komitata Tagordo, la estraro de UEA informis, ke la Komitataj laborkunvenoj okazis du tagojn antaŭ la inaŭguro. Tio signifis, ke la hispanaj komitatanoj s-roj Luis Hernández el Valladolid kaj Salvador Aragay el Barcelona ĉeestis kaj kunlaboris, matene kaj vespere, en la Interna kaj Ekstera Agadoj. Plie Plena Kunsido de la Komitato de UEA okazis sabaton matene kaj vespere. Mardon vespere okazis la Unua Ĝenerala Kunsido, kaj sabaton matene Plena Kunsido de la Komitato de UEA, en kiu oni aprobis: kiel komitatanon de UEA s-ro Gian Carlo Fighiera pri financoj, la Deklaron de Bjalistoko, la du oficialajn rezoluciojn de la kongreso, kaj la starigon de Terminologia Esperanto-Centro. Prezidis en ĉiuj komitatkunvenoj d-ro H. Tonkin, prezidanto de UEA.

## NOTOJ

**"¿Por qué el Esperanto en la escuela?"** Prospekto eldonita por la kampanjo "Esperanto en la Lernejo". Ĝi originale estis en franca lingvo. Eldonon en la hispana zorgis la Hispana Sekcio de ILEI. La prospekto estas vigla propagandilo de Esperanto kun trafaj argumentoj tiel same lingvistikaj kiel sociaj.

# DEKLARO DE BJALISTOKO

En la urbo Bjalistoko, naskiĝurbo de la kreinto de Esperanto, Ludoviko Zamenhof, unu el la grandaj humanismaj figuroj de nia epoko, la partoprenantoj en la 72a Universala Kongreso de Esperanto sendas tiun ĉi deklaron al la ŝtatestroj kaj registaroj de la mondo okaze de la Centjara Jubileo de la Internacia Lingvo.

1. Unu el la plej grandaj kaŭzoj de la malamikeco inter la diversaj landoj de la mondo estas manko de scio. Tiuj, kiuj ne konas unu la alian, facile fariĝas viktimoj de antaŭjuĝoj kaj miskomprenoj.

2. Kvankam la edukaj sistemoj de la diversaj landoj povas multon fari por kulturi en la mensoj de siaj lernantoj informitecon kaj malfermitecon al aliaj popoloj, ankoraŭ pli valoraj ol abstraktaj lecionoj estas rektaj kontaktoj.

3. Kvankam la gazetaro kaj aliaj komunikiloj povas helpi ĉiujn civitanojn informiĝi pri aliaj popoloj, senpera komunikado inter homoj el diversaj landoj estas la plej bona maniero forigi antaŭjuĝojn kaj firmigi la kompreniĝon.

4. La senpera kontakto postulas komunan lingvon. Se homoj parolas malsamajn lingvojn, ili ne povas senpere komunikiĝi. Kvankam lernado de aliaj naciaj lingvoj estas valora maniero transporti tiun dividon, la internacia lingvo Esperanto konsistigas aparte facilan kaj efikan metodon por atingi internacian interkompreniĝon je tutmonda skalo kaj ĝi estas plej bona enkondukilo al la lingvolernado.

5. Esperanto — pro sia simpleco, logiko kaj tuta strukturo — estas ne nur lingvo taŭga por ĝenerala lernado, kiel dua lingvo por ĉiuj, sed tra cent jaroj da uzado en ĉiuj sferoj de la homa vivo, ĝi fariĝis plene esprimiva kaj fleksebla kaj ĝiaj parolantoj troviĝas en preskaŭ ĉiuj landoj de la mondo.

6. La mondaj problemoj, kiuj bezonas pritrakton je tutmonda skalo, ĉiam plimultiĝas. La demandoj de ekonomia evoluigo, de malarmado, de malsato, de malsano, de analfabeteco, de mediprotektado, k.s. postulas komunan kaj egalecan aliron pere de rekta komunikado en komuna lingvo. Regado kaj solvado de tiuj problemoj povas efike okazi nur per plena engaĝiĝo de la ordinaraj civitanoj.

7. Tial, ni rekomendas al ŝtatestroj, registaroj kaj kompetentaj aŭtoritatoj kaj instancoj de ĉiuj landoj uzi Esperanton kiel studobjekton en lernejoj kaj ebligi rektajn homajn interŝanĝojn inter siaj ŝtatanoj kaj homoj el aliaj landoj pere de la Internacia Lingvo.

8. Ni firme kredas, ke el tiu rekta interŝanĝo ekestos pli klara interkompreniĝo inter ordinaraj homoj de ĉiuj landoj. Tio kondutos al redukto de streĉiteco, al pli granda malfermiteco inter la popoloj, kaj al pli paca kaj libera mondo.

Ni invitas ĉiujn homojn de bona volo, kiuj konsentas kun tiuj ĉi principoj, apogi tiun ĉi Deklaron kaj tiel sin dediĉi al antaŭenigo de interkompreniĝo inter ĉiuj homoj de la mondo.
Bjalistoko, la 29an de julio 1987

Resume la subskribinto povus verki por vi, estimataj legantoj, centojn da paĝoj, unue pro la altkvalitaj kunvenoj kaj prelegoj, due pro la distraj aranĝoj kiel: la Nacia Arta Vespero, Recitalo-Chopin, Rokenkora Koncerto, Pupteatro Rabcio, Bulgara E-Teatro, Koncerto de korusoj, Internacia Arta Vespero, Adiaŭa Folklora Koncerto: Ensemblo de Kanto kaj Danco de la Varsovia Politekniko. Filmoj: "Francujo hieraŭ kaj hodiaŭ", "Esperanto", "Seksmisio", le en Eŭropo, kaj ktp.

Venu kun ni venonjare al la 73a Universala Esperanto-Kongreso en Rotterrdam, Nederlando, kaj vi gustumos la internacian etoson de la U.K.

HEF-Prezidanto
Komitatano de UEA

Salvador Aragay i Galbany



*S-ro R. Malinowski, d-ro H. Tonkin, s-ro R. Dobrzynski*

## NOTOJ

**5a Andaluzia Kongreso**. TORROX (Málaga)
10-11-13 de oktobro, 1987. Informoj kaj aliĝiloj: ESPERANTO, poŝtkesto 13. 29770 TORROX (Málaga).

# INAŬGURO

La inaŭguro, kiel ni menciis antaŭe, estis kurioza, ĉar okazis du, unu je la 10a horo kaj alia je la 14a horo dimanĉe. Pro indiko de la Ĝenerala Direktoro s-ro Simo Milojeviĉ ni devis ĉeesti la duan inaŭguron kiu estis tute sama kiel tiu okazinta matene. Resume ĝi estis:

Prezidanto H. Tonkin salutas la gekongresanojn kaj malfermas la 72an Universalan Kongreson. Sekve s-ro Roman Malinowki, Honora Prezidanto de la kongreso kaj prezidanto de la Pola Parlamento, deziras al la ĉeestantoj sukceson kaj bonan restadon en Pollando kaj konklude prezentas por la akcepto de UEA la ideon krei Mondan Esperanto-Centron en Bjalistoko. Poste d-ro Ludoviko Zaleski-Zamenhoj, nepo de nia iniciatinto, kaj honora gasto de la kongreso, kortuŝis la kongresanojn per siaj simplaj kaj sinceraj vortoj. Belan muzikan interludon sekvis salutparolado de s-ro Nigel Cassar, reprezentanto de la ĝenerala sekretario de Unuiĝintaj Nacioj, s-ro Pérez de Cuellar. S-ro Nigel Cassar emfazis la komunan humanisman strebadon de UN kaj la Esperanto-movado, "Kiu povas fari multon por antaŭenigi la pacon".

La longa vico de nomoj de ĉeestantaj diplomatoj kaj reprezentantoj de Landaj Asocioj kaj aliaj lokaj movadoj reliefigis la tutmondecon de tiu ĉi kongreso.

S-ro Yosimi Umeda anoncis du malavarajn donacojn al UEA; la Premion Onisaburo Deguĉi aljuĝotan dum la Tago de la Paco al homo kiu elstare kontribuis al realigo de la celoj de la Asocio, kaj la financan bazon por la fondo de Azia Oficejo de UEA.

Tempo malpermesis legadon de ĉiuj ricevitaj salutoj, sed aparte menciindas tiuj de la ĝenerala direktoro de UNESKO, de la prezidanto de Islando kaj de la prezidanto de la sveda parlamento, Ingemund Bengtson.

Venis la fina parolado de d-ro Tonkin, brila, reala pririgardo pri la historio de nia lingvo kaj pri ĝiaj perspektivoj por la dua jarcento. Per la tondra aplaŭdo kiu ĝin sekvis, per la komuna kantado de la Himno kaj per la fina saluto de d-ro Tonkin: **"sukcesan kongreson!"**, oficiale inaŭguriĝis la 72a Universala Kongreso de Esperanto.

## LA SOLENA FERMO

Okazis la 1an de aŭgusto je la 10a horo en la granda salono Ludoviko. En la ĉeesto de ĉ. 3000 kongresanoj, la estraranoj de UEA informis la kongresanojn pri la laboro farita en la kongreso.

Antaŭ ol raporti pri tio, ni deziras mencii, ke en la inaŭguro prezidis sur la podio kaj apud la UEA-estraro; s-ro Roman Malinowski alta protektanto de la kongreso, s-ro Niger Cassar reprezentanto de ĝenerala sekretario de

UN, la nevo de L.L. Zamenhof d-ro L. Zaleski-Zamenhof, s-ro Roman Dobrzyński prezidanto de pola E-asocio, s-ro Stanislav Świztad prezidanto de Loka Kongresa Komitato kaj Prof. Régulo Pérez. En la salono en speciala loko ankaŭ ĉeestis kelkaj familianoj de L.L. Zamenhof kaj reprezentanto de nia hispana konsulejo.

a) Aliĝintoj 5941 el 60 landoj.

b) Okazis 9 kunsidoj de la laborkomitato de UEA, 37 kunvenoj de Fakaj Asocioj, 28 Teatraj Prezentadoj, 10 muzikaj koncertoj kaj 3 Naciaj Artaj festivaloj.

c) Estis elektitaj 4 novaj honoraj membroj, inter ili: d-ro L. Zaleski-Zamenhof kaj d-ro William Auld.

ĉ) Belartaj Konkursoj de UEA 1987: Prozo Premio 1a, "LAURA" de Liven Dek (Miguel Gutiérrez Adúriz) Hispanio. Poezio, premio 1a "Fabelo pri skarlata floro" de Evgenij Belonenko, Sovetunio. Teatraĵo, Premio 1a: ne aljuĝita. Kanto, premio "Jubilea Kanto por Esperanto" de Dimitri Terziev-muziko- kaj Simeonov-teksto, Bulgario. Eseo, premio (Luigi Minnaja): "Nia Movado kaj ĝiaj kronikistoj" de Oldfich Knichal, Hungario.

d) Gazetaraj Konferencoj. Ĉeestis pli ol 140 ĵurnalistoj polaj kaj eksterlandaj.

e) Filmo pri 100jariĝo de Esperanto. La filmon iniciatis s-ro Donĉo Ritroc kaj Roman Dobrzyński kaj ĝi estis kunproduktita de la pola kaj bulgara firmaoj "interpressfilm" kaj "interfilm".

f) S-ro Roman Malinowski adiaŭas la kongresanojn kaj konfirmas la starigon de Monda Esperanto-Centro Ludoviko Zamenhof en la urbo Bjalistoko.

g) D-ro L. Zaleski-Zamenhof, nepo de L. Zamenhof, salutis la kongresanojn kaj memorigis... "Esperanto estas afero nek de familio, nek de klubo, nek de grupo, nek de nacio, nek de ŝtato, nek de religio. Plie, la lingvo Internacia ne estas celo per si mem, ĝi devas esti instrumento de la granda, filozofa, homarana koncepto de la kreinto, aŭ iniciatinto de la lingvo, kiel Doktoro Zamenhof preferis nomiĝi".

ĝ) Trofeo Fain al la plej aktiva Landa Esperanto-Asocio, por Bulgara Esperanto-Asocio.

h) S-ro H. Tonkin prezidanto de UEA memorigis la kongresanojn, ke nun je la komenciĝo de la 2a Jarcento de Esperanto, la esperantistoj, unue devas instrui kaj disvastigi Esperanton kaj due ĝui ĝin. Fine la kongresanoj kunkantis la Himnon "La Espero".

---

**DEZIRAS KORESPONDI**

Ewa Pawlikowniska. Niederfeldstr. 45. 3500 KASSEL. Feder. Resp. de Germanio. Ŝi planas viziti Hispanion en oktobro kar serĉas gastiganton. Perletere informos pri kondiĉoj.

Predizate de J.L. Texier okazis la komitatkunveno pri Interna Agado, en ĝi la subskribinto prezentis al la komitatanoj la lastan eldonon de HEF-Libroservo, la broŝuron "Esperanto, el idioma para comunicarse sin obstáculos", kiu estigis tre bonan impreson.

Prezidate de Barbara Despiney okazis la kunveno "Agado de la Jubilea Jaro", en la temo "kunlaborado kun la landaj UNESKO-komisionoj" la subskribinto prezentis la trian libron de la serio HISPANA LITERATURO "Sentempa Sinfonio", eldonitan de Madrida Esperanto-Liceo kaj subvenciitan de Hispana Unesko-komisiono. Tio samtempe konfirmis al s-rino B. Despiney nian deziron, ke ŝi transdonu al la Ĝenerala Sekretario de UNESKO ekzemplerojn de Sentempa Sinfonio.

Prezidante de J.L. Texier okazis la kunveno pri la Reto de Delegitoj de UEA. 45 ĉefdelegitoj, delegitoj kaj fakdelegitoj kuraĝis alfronti laborkunsidon jaŭde matene ja la 9a en Holder-salono. Ili informis pri la ne bona uzado de la Delegitara Reto.

## NIAJ GRUPOJ

### GIRONA

"Girona Espero" kaj "Amics de l'Esperanto, Olot (Girona)" eldonis prospekton en kataluna lingvo sub la moto: "La lingvo internacia faciligas la dialogojn inter la popoloj". La prospekto diskonigas tion, kio estas Esperanto; ĝian internan ideon, kaj la movadon. Sur la lasta paĝo kaj sub la devizo "Esperanto instrumento por paco" estas la klarigo: "Esti esperantisto, ne estas nur lerni la gramatikajn kaj fonetikajn regulojn de la lingvo, sed esti konvinkita, ke paroli kaj instrui Esperanton estas penado por universala frateco, por efektiva kaj ne retorika alproksimiĝo inter la homoj de ĉiu lando kaj raso".

### SANT CUGAT DEL VALLÉS

La Grupo de Esperanto Josefo Anglès organizis la pasintan 28an de junio Esperanto-kunvenon por festi la 5an Esperanto-kurson. Tiu ĉi kurso estis gvidata de s-ro Juan Solé, kiu diligente ĉiusemajne vojaĝis el Barcelona al Sant Cugat por gvidi la kurson. Partoprenis en la E-kunvenon, s-ro Ramon Manau, instruisto de la antaŭa kurso, s-ro R. Güell, kiu deklamis poemojn, s-roj S. Aragay kaj Milan Sudec, kiuj helpate de s-ino Trini García Covacho disdonis la dokumentojn kaj insignojn al la novaj esperantistoj. Je la fino estis prezentita la unua numero de la bulteno de la Grupo "La Hela Hirundo". Ĝi aperos kvaronjare kaj la jarabono estas 500 p-toj. Interesuloj petu ĝin rekte al Poŝtkesto 336. E-Grupo Jozefo Anglès. Sant Cugat del Vallès. (Barcelona).

# ANDRES BRAVO DEL BARRIO

Antaŭ jaroj mi verkis artikolon titolitan "Esperanto" kaj ĝia eldonisto, kie mi aperigis miajn tiamajn sciojn pri tiu afero. Poste, mi sukcesis atingi pliajn sciigojn. Sed, kiu estis la homo kiu, laŭ sro Ricardo Codorniu, agis kun pli da bona fido ol sukceso?

Andrés Bravo del Barrio naskiĝis en Villarén, komunumo de Pomar de Valdivia, norde de la provinco de Palencia en teritorio de olda Kantabrio, kiel li mem klarigis, kie li kreskis kaj ofte vizitis preĝejon.

Verŝajne li studis kaj atingis diplomon de profesoro pri filozofio kaj beletroj en Madrid.

En 1900 li jam loĝis en Santander, kie li kunlaboris en lokaj ĵurnaloj kiel Noticiero Santanderino (1900); El Montañés, kie li aperigis poeziojn; kaj La Hormiga.

Li esperantistiĝis en 1901, eble en majo, kaj li tuj aperigis artikolserion pri Esperanto en ĵurnalo El Correo de Cantabria kaj, por pruvi kiom facila estas Esperanto en la unua monato de lia ekkontakto kun Esperanto, li verkis kaj aperigis poezion Kanto al la Montaña (junio, 1901), en Esperanto, kiu aperis en la jam menciita ĵurnalo.

Ŝajne, unua esperantisto en Santander kaj redaktorodirektoro de la unua hispana E-gazeto, Esperanto (1902), kies aperon li devis ĉesigi post sia translokiĝo al Madrid, ĉar tie li ne trovis presejon kun ĉapelitaj literoj (iom stranga afero, ĉar milita presejo eldonis lernolibron tie en 1901). Esperantisto numero 5913 kaj ano, kaj poste propagandisto, de Franca Societo por Propagando de Esperanto, ambaŭ en 1902. Li loĝis en strato Atarazanas, 11-4º dum sia restado en Santander (tiu strato malaperis dum gravega brulado en 1941).

Fine de 1902 li loĝis jam en Madrid, ĉar li revenis tie pro Esperanto, kaj pro Esperanto li doktoriĝis pri beletroj tie, kaj ankaŭ pro Esperanto li konkursis sukcese por katedroj de lingvo kaj literaturo kaj, fine, pro Esperanto li oferis sian pozicion.

En tiu urbo li starigis, en societo "Fomento de las Artes", fakon "Sekcio Internacia Esperanta". En 1907, kun s-roj Ricardo Codorniu, Fernando Redondo kaj aliaj, li starigis "Centra Esperantista Grupo".

Do, li propagandis kaj aktivis por Esperanto de 1901 ĝis 1907. Li estis membro de

la Delegitaro de Lingvo Internacia ekde 1905, de tiu Delegitaro pri kiu li okupiĝis jam en la unua numero de Esperanto, sia gazeto.

Li estis profesoro de Ateneo de Madrid ekde 1906 kaj de Centra Universitato ekde 1911.

Tamen, en 1907, li aliĝis al Ido kaj estis membro numero 21 de UNIONO por alpreno de Ido. Li estis la unua profesoro en la tuta mondo, kiu instruis Idon. kaj li agis por Ido ĝis septembro 1914.

Fine, en 1914, li aperigis propran projekton de Internacia Lingvo, Eúropeo, kiun li rigardis kiel plibonigon de Ido, kiu siatempe faciligis Esperanton. Ĝi, tamen, estas iel hispanigita Ido.

Sed, verŝajne, tiam li jam estis seniluziigita pro tiom da streboj por alpreno de universala lingvo, kio cetere elspezigis al li multe da mono, kaj li tial pretis nur klarigi eventualajn dubojn pri Eúropeo post pago de la koncernaj kostoj, kvankam ja temis pri lia propra lingvoprojekto.

Bibliografio


-ANTONIO DEL CAMPO ECHEVARRIA: Periódicos montañeses. Imprenta de El Correo de Cantabria. Santander, 1904.
-RICARDO CODORNIU: D. Bonifacio Sotos Ochando, el Doctor Zamenhof y los idiomas de su invención. Datos bibliográficos relativos al proyecto de lengua universal. Imp. Sucesores de Nogués. Murcia, 1914.
-ANDRES BRAVO DEL BARRIO: Europeo. lengua internacional facilisima. Gramatiko e Krestomatio. Imp. de El Reformista Pedagógico. Madrid, 1914.
-LAJOS KÖKÉNY, VILMOS BLEIER: Enciklopedio de Esperanto. Budapest, 1933. Fotorepreso: Hungara Esperanto-Asocio. Budapest, 1979.
-JOSE SIMON CABARGA: Historia de la prensa santanderina. Centro de Estudios Montañeses. Santander, 1982.
-NIA VOĈO: Organo de Madrida Esperanto-Liceo. Decembro 1982-januaro 1983.
-Enciclopedia Universal Ilustrada Europeo-Americana. Espasa-Calpe, S.A. Madrid, 1932.


Dankemo


Mi deziras esprimi mian elkoran dankon al s-inoj María José Albo (direktoro de la biblioteko de Ateneo de Madrid), al Ana María Molera (Esperanto-Biblioteko "Ramón Molera"), kaj al s-ro Luis Mª Hernández Yzal (Hispana Esperanto-Muzeo) pro ilia altvalora helpo.




# 48a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO
## Unua postjarcenta kongreso

Ni ĝojas. Ni estas feliĉaj. Nia Hispana Esperanto-Federacio akceptis nian urbon por organizi la venontan kongreson. Ni gastigos en la jaro 1988, de la 14a ĝis la 18a de julio, multajn esperantistojn de Hispanio kaj de la tuta mondo.

Tio estas granda okazaĵo por la esperanta historio de Valencio, ĉar ĝi estos la unua hispana kongreso okazanta en la dua jarcento de nia movado.

Estu pretaj kaj laboremaj, ne ŝparu fortojn por helpi la organizantojn.

La Loka Kongresa Komitato (LKK) jam stariĝis en la Grupo de Esperanto. Jen:

Prezidanto: Augusto Casquero.
Vicprezidanto: Ramón Diago.
Sekretario: Juan Antonio Giménez.
Kasisto: Ricardo Flores.
Internaj Rilatoj: Félix Navarro.
Eksteraj Rilatoj: Antonio León.
Eldonoj: José Pérez.
Pascual Pont.
Ekskursoj kaj bankedo: Manuel Gargallo.
Poŝtmarkoj kaj poŝtstampiloj: Darío Cervera.
Aranĝoj por infanoj: José Añó.
Komunikiloj: Conrado Medina.
Loĝado: Ismael García.

Dektri revemaj samideanoj, pretaj organizi modelan kongreson. Ĉiu povas elekti helpantojn por sia faka laboro. Se eble estus vi, kunlaboru gaje kaj estu preta, la Valencia Kongreso dankos vin.

Nia eldonisto, Pérez Sempere, jam komencis la laboron. La aliĝiloj kaj konfirmiloj estas pretaj. Prenu vian aliĝilon por ĝin fotokopii kaj dissendi al viaj amikoj kaj familianoj, aliĝu vi mem kaj venu labori kun ni.

Ismael García jam elektis lokon por preskaŭ cent kongresanoj kaj daŭrigas sian serĉadon.

Ramón Diago, José Pérez kaj Pascual Pont, desegnas multfoje por atingi anagrambildon.

La kasisto, Ricardo Flores, jam kalkulas, unu post alia, la monerojn ricevitajn de pli ol kvardek aliĝintoj.

Manuel Gargallo pensas pri ekskurso al la kastelo de Sagunto, grotoj de Vall d'Uixó, plaĝo... aŭ Albufera, El Saler, Palmar... aŭ aranĝi grandan "paella"-n por ducent personoj... aŭ, aŭ..., li havas multajn ideojn.

Nia prezidanto, Augusto Casquero, jam serĉis tradukiston por nova libro, kiun Valencio ofertos dum la kongreso. La verko estas de Miguel Hernández.

Félix Navarro, baldaŭ komencos peti al la kulturaj medioj monhelpon por subvencii la eldonon de la libro.

José Añó fiksis grandan kaptilon en anonctabulo de la kongreso de Maddrido.

Magamo kaj Aliaga starigis tablon de propagando por disdoni informojn kaj aliĝilojn.

Multaj aferoj jam estas survoje, kaj ni, senlace, klopodos plu kaj plu. Sendu viajn ideojn, ni tre dankos vin.

**JOHANO—ANTONO**

---

## 23a KATALUNA KONGRESO DE ESPERANTO
**Barcelona 9-12 oktobro 1987**

---

VENDREDON, 9.10.87.— Akceptado kaj disdonado de dokumentoj. Interkona Vespero kun balo. (Kongresejo: Centre Cívic "La Sedeta". Indústria 67-73).

SABATON, 10.10.87.— Prelego. Solena Malfermo (Centra Universitato). Kunvenoj (Kongresejo).

DIMANĈON, 11.10.87.— Internaciaj Floraj Ludoj (Urbodomo). Kunvenoj. Prelegoj. Eksterordinara Ĝenerala Asembleo de KEA. Arta Vespero (Kongresejo).

LUNDON, 12.10.87.— Prelegoj. Kunvenoj. Fermo de la Kongreso (Kongresejo). Bankedo.

## NOVA KURSO DE ESPERANTO PER KORESPONDADO
**(Praktika por komencantoj, utila por progresintoj)**

---

Tiu 16-leciona kurso, kun riĉa ekzercaro plus vortareto Esperanta-hispana kaj Hispana-esperanta, kostas entute 2.000 pesetojn. Enskribiĝoj estos traktataj nur post la koncerna antaŭpago, kiun oni sendu, nepre per poŝtmandato, al:

KURSO DE ESPERANTO PER KORESPONDADO
de "kultura Asocio Esperantista"
c/. Font Nova, 32
08202 – SABADELL (Barcelona)

# AGADPLANO POR LA PERIODO 1988 KAJ 1989

Laŭ nia regularo la HEF-estraro estis elektita por 4-jara periodo. Pro tio ni deziras proponi por via aprobo la estontan agadplanon por la du lastaj jaroj de nia agado. Esense estas la jena.

a— Daŭrigi la informadon al la E-Grupoj kaj al la ne-esperantistaj Kulturaj Asocioj, pri la celo kaj aktiveco de HEF.

b— Finfini la eldonadon de la libroj, kiujn ankoraŭ HEF ne suksesis eldoni aŭ subvencii, kiuj estas en la programo de la LITERATURA FAKO de la Hispana Jubilea Komisiono.

c— Firmigi la pozicion de Hispana Esperanto-Federacio en la Hispanaj Kulturaj Institucioj, ekzemple: la agado por peti al la "Ministerio de Gobernacion" ke nia Federacio estu agnoskita kiel ASOCIACION DE UTILIDAD PUBLICA.

ĉ— Kunlabori pli intense, laŭ niaj ebloj kun Universala Esperanto-Asocio, kaj kun ĉiuj landaj kaj internaciaj Esperanto-Asocioj.

d— Insisti, ke la esperantistaro de la aŭtonomaj komunumoj kaj ĉefurboj de provinco, organizadu Esperantajn Lokajn Grupojn kaj se eble oficialigu ilin.

e— Enkonduki la instruadon de Esperanto en Institutojn, lernejojn, kaj Universitatojn laŭ la rezolucio de la Ministerio pri Edukado kaj Scienco n-ro 22454, de la 13-a de septembro de 1984, kiu antaŭvidas la eblecon instrui duan modernan lingvon, ne devigan po tri horoj semajne en ĉiu kurso.
Oni povas uzi la dokumenton "Esperanto el idioma para comunicarse sin obstáculos" kaj la turisman broŝuron "HISPANIO".

f— Esplori la eblecon instrui la lingvon internacian Esperanto per la modernaj teknikoj kaj instruiloj de nia epoko, ekzemple: filmoj, televidoj, videoj, komputiloj, ĵurnaloj kaj revuoj.

g— Cele al la uzado de Esperanto, paralele kun la aliaj naciaj lingvoj en la Internaciaj organizaĵoj (diplomataj, komercaj, politikaj, religiaj, sciencaj, edukaj, laboristaj, studentaj, turismaj, profesiaj) prepari dokumenton (similan je tiu, kiun preparis L. Zamenhof por la Diplomatoj) kaj sendi ĝin al ĉiu Internacia Organizaĵo kaj al ĉiu Landa Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj.

Madrido 18an de Aprilo

---

HEJS JUNECO, organo de Junulara Sekcio de HEF, landa Sekcio de TEJO, aperas en nova formato en sia numero 129. La unua paĝo surhavas la moton "Homoj, moderniĝi aŭ morti". HEJS JUNECO estas redaktata de Jesuo Armengol. F-co Moragas 95. 3. 2. — 08922 Sta. Coloma de Gramanet. (Katalunio)

# KURSO DE A. E. U. PRI ESPERANTA MORFOSINTAKSO

Ĉi tiu kurso celas taŭgi kiel enkonduko de serioze lingvistika vidpunkto en la morfosintaksan nivelon de Esperanto. Ni konscias, ke morfosintakso estas la plej grava kerno de la lingva strukturo kaj ĝi do bezonas seriozan enprofundiĝon fare de ni, ĉiutagaj lingvouzantoj, kiuj, post ol konscie alproksimiĝi kaj eltrovi la regulojn, kiuj ĝin malvolvas, certe donos gravan paŝon en la ĝustan regadon de Esperanto. Posedi la konon de la morfosintaksaj principoj de ajna lingvo estas esenca armilo ankaŭ por ĝin instrui trafe kaj objektive. La mankoj de tiuj konoj en niaj esperantaj instruistoj certe kaŭzis, ke la lernigado de nia lingvo: fariĝis fuŝa kaj nescienca.

Ĉiuj kurslecionoj malvolviĝos jene:

1) Prezentado de lingvistika vidpunkto de tiuj studeroj tuŝantaj la koncernan lecionon.

2) Prezentado fare de la lernantoj mem de pli specifaj kaj interesaj studeroj.

3) Debato.

Tiu malvolvomaniero celas, ke ĉiu lernanto siaflanke pretigu pliprofundan malvolvon de pli-malpli specifaj studeroj, kiujn oni ne tuŝas rekte kaj profunde en la kursprogramo, helpe de la koncernaj libroj (bibliografion oni disponigos en la unuaj lecionoj).

## PROGRAMO

1) Ĝeneralaj principoj pri morfosintakso.

2) Esperanta morfologio: La morfemoj, La kunmetado, ktp.

3) Elementoj de la frazo: la vorto, la sintagmo kaj la funkcio.

4) La noma sintagmo: strukturo kaj funkcio. La substantivo kaj ĝiaj periferiaĵoj.

5) La verba sintagmo. La verbo: modaloj, modoj, tenso, aspekto, ktp.

6) La adjektivo kaj la adjektiva sintagmo.

7) La adverbo kaj la adverba sintagmo. La prepozitivo. Detala studo de la adjekto.

8) La kompleksa frazo: kon-propoziciigo kaj sub-propoziciigo.

9) Kunorditaj propozicioj: kopulaj, alternativaj adversaj, konkludaj, klarigaj, ktp. La konjunkcioj.

10) Subordditaj propozicioj: substantivaj, adjektivaj kaj adjektaj. La subjunkcio.

11) Verbotensoj en subpropozicioj: relativaj kaj absolutaj.

La kurso okazos ĉiu-ĵaŭde en la monatoj julio, aŭgusto kaj septembro en la sidejo de Sevilja Esperanto-Akademio (str. Sol, 75 41003-SEVILLA). Ĉiu klaso daŭros unu horon. Aliĝo kun rajto al ĉeesto, ekzameno kaj koncerna

diplomo kostos 500 p-toj. Liberaj aŭ perkorespondaj aliĝoj eblas. Al tiaj lernantoj oni povos ekspedi la koncernajn lecionojn iom post iom (oni tamen pli specifos al tiuj, kiuj interesiĝos pri ĉi tiu aliĝomaniero, la kondiĉojn kaj la vojojn por sekvi tiun kurson). La daton kaj horon de la ekzameno oni antaŭsciigos en ĝusta momento.

Por pliaj informoj pri la citita aranĝo, bonvolu vin turni rekte al nia Akademio aŭ adresu al ĝi.

**Interesaj adresoj:**
Sevilja Esperanto-Akademio: Sol, 75 41003–SEVILLA
Andaluzia Esperanto-Unuiĝo: pk 3275 29080–MALAGA

## NOTO DE LA KASISTO

S-ro Joan Font memorigas al la membroj, kiuj ankoraŭ ne pagis la ĉijaran kotizon, bonvolu fari tion, antaŭ la fino de la jaro, rekte al la sidejo de HEF, Carreras Candi, 34 08028–Barcelono. Antaŭdankon.

## INTERNACIE

**"Jornal de LBV"** (LBV= legio de bona volo). Brazila ilustrita revuo en esperanta eldono. Ĝi estas organo de LEV, kiu sin konsideras neŭtrala kampo de Kristo. Paiva Netto, Direktoro Prezidanto de "Legio de bona volo" kreis ĝian Esperanto-departementon. Legio de Bona Volo el kristana radiko havas ideologion tre parencan al la "nova sento" de Esperanto. Adreso de la Departemento de Esperanto de LBV: Av. Rudge, 938. Bom Retiro SÂO PAULO. Poŝtkodo 01134. Brazilo.

OFICIALA KOMUNIKO DE LA "INTERNACIA FOIRA ESPERANTISTA RENKONTIĜO" (IFER)

La Organiza Komitato de la "Internacia Esperantista Renkontiĝo" organizas ĉi tiun samnoman aranĝon **de la 11a ĝis la 13a de marto, 1988a** en la foira urbo LEIPZIG (Germana Demokratia Respubliko).

LA IFER – OK, konsiderante, ke faka aplikado de Esperanto en scienco, tekniko kaj kulturo en la nuntempo ludas gravan rolon, elektis por la aranĝo de la 1988 jaro kiel ĉeftemon: HOMO KAJ SCIENC–TEKNIKA REVOLUCIO.

Adreso: KULTURBUND DER DDR (Kulturligo de GDR). Organiza Komitato de "IFER 88". Käthe-Kollwitz-Strabe 115. LEIPZIG DDR–7010.

# JUBILEA ESPERANTO – KONFERENCO

Dum la tagoj 18a ĝis 25a de julio de la nuna jaro, okazis en la Universitato de Graz, ĉefurbo de Stirio (respubliko de la sudorienta parto de Aŭstrio), la JUBILEA ESPERANTO–KONFERENCO

En tiu KONFERENCO pri "100 Jaroj de Esperanto-Kulturo, partoprenis eminentuloj de Scienco, Filozofio, Literaturo, Jura scienco, Filologio, ktp. Inter aliaj, oni povas mencii la intervenojn de:

D-rino Marjorie Boulton pri: "100 Jaroj de Originala kaj Traduka Esperanto-Prozo".

D-ro André Albault, Prezidanto de la Akademio de Esperanto pri: "100 Jaroj de Evoluo de la Internacia Lingvo".

Prof. D-ro Paul Neergaard, Vicprezidanto de la Akademio de Esperanto pri "100 Jaroj de Esperanto en la Servo de Naturaj Sciencoj".

J. Thierry, Sekretario de la Akademio de Esperanto pri: "100 Jaroj de Esperanto en Servo de Kulturaj Interŝanĝoj. Praktikaj Celoj kaj Internacia Solidareco".

Prof. D-ro Ivo Lapenna pri: "100 Jaroj de Parola Esperanto-kulturo". ktp.

Inter multaj solenaj eventoj elstaras la malkovro en la Placo Esperanto de Graz, de la monumento skulpita el marmoro de Kararo, farita de la fama skulptisto Jesper Neergard. La nomo de la monumento estas "La Espero".

Partoprenis 235 esperantistoj el la kvin kontinentoj. De nia lando vojaĝis, 11 el Barcelono, 1 el Reus, 1 el Mallorca kaj 2 el Valencio.

Ni gratulas la Lokan Konferencan Komitaton pri la perfekta organizado.

**HISPANA ESPERANTA FERVOJISTA ASOCIO** — **Martí Guerrero Cots**



# HEJS JUNULARA SEKCIO DE HEF KAJ LANDA SEKCIO DE TEJO

## JUNULARO PLI KAJ PLI AGADAS

La hispana esperantista junularo renkontiĝis pasintpaske en Madrido okaze de la 47a Hispana Kongreso de Esperanto. Venis gejunuloj el preskaŭ ĉiuj hispanaj komunumoj, kaj inter ili, multaj komencantoj. Dum la kunvenoj evidentiĝis laboremo, kaj oni konstatis, ke la sistemo pri federaciiĝo bone antaŭenmarŝas.

Jen la plej gravaj punktoj diskutitaj:

- Atenti bonan informadon por varbi protektantojn kaj membrojn.
- Aprobo de la pasintjara financraporto.
- Krei gravan kunlaboradon kun najbaraj landoj, kie ne ekzistas memstara junulara organizo.
- Pristudo de ebla internacia junulara kongreso en Seviljo, en 1993.
- Prepari: Starigon de Instrua Komisiono; venonjaran hejs-renkontiĝon en Monistrol de Montserrat (Katalunio); eldonon en kataluna, baska, kaj galega lingvoj de la broŝuroj de HEJS, fare de la respektivaj junularaj organizaĵoj.

**Jen novaj eldonoj de HEJS.**

De nun HEJS aperigos du revuojn: HEJS JUNECO, nur por temoj pri esperantistaj aferoj. Ĝia formato estos pli granda kaj aperos depende de la neceso pri informado, tamen ĝi ne malfruiĝos pli ol du monatojn. La redaktoro estas Jesuo Armengol (Katalunio); kaj "LA MANO", kultura kaj distra revuo. La ofteco ankoraŭ ne estas decidita. La redaktoro estas Georgo Camacho (Madrido).

## DEZIRAS KORESPONDI

Stanislaw Fischer. -ul. Bulgarska 8/8 PL-64-100 LESZNO. Pollando. Lia deziro estas korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn kun hispanaj amikoj.— — Hungara komencantino: Magda Kesepeŝi. OROSHA'ZA. Haba 23. II/7. H-5900 HUNGARIO. — — Komencanto, 31-jara, ekziĝita, kristano, kuiristo: Peter Bielack. E.-Thälmann-Str. 49. GRAAL—MŬRITZ, 2553. G.D.R. — — Flegistino, 39-jara. Ŝi loĝas en la populara ripozloko de Pollando kaj povas inviti esperantajn gastojn. Irena Kamińska. ul. Radomska 12, 78-100 KOLOBRZEG. Pollando. — — Geamikoj. Interesiĝas pri literaturo, etnografio, popolfabeloj, kaj kulturo kaj vivo de Hispanio. Lázár Mihaályné. BUDAPEST XIX, Eötvös u. 14 2/6. 1191 Hungario. Kaj Kertśz Erzsébet. (20-jara). BUDAPEST XVIII Havanna u. 62 6/32, 1181 Hungario.

# ANALOJ DE LA ESPERANTA MOVADO EN HISPANUJO. 1887–1953

Kompilis A. Marco Botella. 384 paĝojn. Formato 21 x 5,5 cm. Prezo 1.500 pesetojn. Mendebla ĉe la Esperanto-Societo "Frateco", Str. San Vicente de Paul, 1 – 50001 Zaragoza.

Jen longatempe atendata ilustrita libro historia, kiun, kiel indikite en ĝia antaŭparolo, s-ano A. Marco Botella dediĉas al la hispanaj pioniroj kaj veteranoj, kaj destinas ĝin al la nuraj esperantistoj. Ankaŭ celas tiu libro – aldiras ĝia aŭtoro – diskonigi publike la historion de homoj, Societoj kaj Grupoj hispanaj, kiuj tiom laboris por Esperanto.

La libro, zorge aranĝita en laŭtema kronologia tabelo, prezentas al la leganto detalan priskribon de la Esperanto-Movado nialanda, kun siaj protagonistoj, strebadoj, konfliktoj, esperoj, celoj kaj atingoj. Traleginte ĝian ampleksan enhavom, oni vere miras pri la kolosa laboro entreprenita de niaj unuajn pioniroj kaj ties disĉiploj, danke al kiuj la hispana Esperantismo elstare brilis en la tuta mondo. Tiusence, el la trafa kompilado de s-ano A. Marco Botella, ni aparte ekstraktas kvin faktojn, kiujn ni opinias reliefaj kaj komentarias jene:

1a. En 1909a, kadre de la 5a Universala Kongreso de Esperanto, la unua internacia kongreso aranĝita en Hispanujo, oni prezentis la hodiaŭ jam renomajn "Internaciajn Florajn Ludojn", al kiu literatura festo, nuntempe ankoraŭ organizata ĉiujare en Katalunujo, daŭre konkursas esperantistaj verkistoj ĉiulandaj. Ankaŭ okaze de tiu kongreso, Lia Reĝa Moŝto Alfonso la 13a, avo de nia nuna reĝo, nomis D-ron Zamenhof "Komandoro de la Ordeno de Izabela la Katolika".

2a. En 1911a, la Ĝenerala Direkcio pri Publika Instruado, en Hispanujo, agnoskis la ateston pri posedo de la lingvo internacia Esperanto, kiel oficialan meriton, kio ja pruviĝis avantaĝa en konkursa ekzameno.

3a. Jam en 1912a, oni inaŭguris Zamenhof-straton en Sabadell, kaj Zamenhof-placon en Terrassa. Efektive, laŭ la verko "Enciklopedio de Esperanto", ambaŭ urboj nialandaj estas la unuaj en la mondo, kiuj oficiale dediĉis la nomon Zamenhof al strato kaj placo respektive.

4a. En 1920a, okazis la altruisma akcepto al pli ol 300 aŭstraj infanoj, viktimoj de la unua mondmilito, kiuj estis solidarece gastigataj de la hispanaj esperantistoj, kaj per kio praktike realiĝis la homama "Interna Ideo" de Esperanto.

5a. En 1923a, la grava firmao Espasa-Calpe, S.A., eldonis la verkon "Enciclopedia Universal Ilustrada", plurvoluma vortarego kastililingva, kun traduko de ĉiu vorto en sep lingvojn, inkluzive en Esperanto. Krome, ĝia suplemento de la jaroj 1975a – 1976a enhavas 10 paĝojn sub la temo "Literatura en Esperanto", kun fotoj de la plej eminentaj verkistoj esperantistaj. Tiun kastililingvan rubrikon kompilis la konata portugala verkisto, s-ano Manuel de Seabra.

Jen do resumo de la impona verko "Analoj de la Esperanta Movado en Hispanujo", libro tre interesa kaj klarastile verkita, kiun devus posedi ĉiu hispana esperantisto deziranta koni tre gravan periodon de nia Esperanto-Movado. Tiu libro ja meritas lokon sur la bretaro de ĉies biblioteko!

**VELUS**

---

# AGADPLANO

---

**Agadplano aprobita de la 45a Hispana Kongreso de Esperanto en Kartageno (Murcio) por la estonta periodo ĝis la 47a Kongreso en Madrido**

a– Konigi pli intense la celon kaj aktivecon de HEF al la E-Asocioj kiuj ankoraŭ ne aliĝis al nia Federacio.

Se komence de la jaro 1985 nur 35 E-Asocioj estis aliĝintaj al la Federacio, nun la sukcesa agado dum la menciita periodo altigis la nombron da E-Asocioj je 46. Tiel do, nia informa kampanjo estis fruktodona.

b– Subteni la eldonadon de novaj verkoj, eldonotaj de la E-Grupoj kaj E-E-Asocioj, kadre de la Hispana Jubilea Komisiono.

La Federacio subtenis la eldonadon de la jenaj novaj verkoj: Astura Bukedo, de Astura Esperanto-Asocio; Sferoj-5, de Kantabra Esperanto-Asocio, La Homa Vivaventuro, de Barcelona Esperanto-Centro; Seninterrompa Kanto kaj La Casa de Bernarda Alba, de Madrida Esperanto-Liceo kaj Lernolibro AEIOU, de Valencia Esperanto-Grupo.

Bedaŭrinde ankoraŭ ne aperis la Biografio de d-ro L. Zamenhof en kastilia lingvo kaj la verkoj Analoj de la esperanta movado en Hispanujo kaj Malsupra Tero.

Plie la Federacio eldonis la vortaron de Dr. Tudela kaj la Ilustritan broŝuron.

c– Aperigi nian Bultenon, regule, kun la celo ke ĝi estu freŝa, utila kaj altira por la membraro.

La HEF-bulteno aperos regule komence de la nuna jaro kaj la estonta numero Marto-Aprilo jam estas en la poŝtoficejo, tiel do, kiam vi alvenos al viaj hejmoj vi trovos la bultenon. Laŭ deziro de la HEF-redakcio, la numero Ma-

jo-Junio estas dediĉita preskaŭ plene al literaturo kaj en la numero Julio-Aŭgusto aperos la raporto pri la nunjara hispana kongreso.

ĉ— Plani por la 2 estontaj kongresoj financan peton al la diversaj kulturaj institucioj de nia lando: Ministerioj, aŭtonomaj komunumoj, Ŝparaj Kasoj, Komercaj entreprenoj, ktp.

De la unua momento kiam la nuna estraro komencis agi, forta ideo batis en niaj kapoj. Ni devas atingi financan helpon for de la Esperanto-Movado, tial ni instigis la Esperanto-Grupojn peti al la urbestraroj, kulturaj institucioj, ŝparaj Kasoj, komercaj entreprenoj subvencion por Esperanto. Post du jaroj da intensa laboro la hispana esperantistaro atingis veran sukceson, ĉar preskaŭ ĉiu oficialigita Esperanto-Asocio atingis subvencion de ia institucio. Menciindaj estas la jenaj. E-Asocio en la urboj, Madrido, Ĝirono, Valencio, Asturio, Terrassa, Seviljo, Manresa, Mataró, Santa Coloma de Gramanet, Barcelono, kaj menciinda ankaŭ estas la subvencio de la Ŝpara Kaso de Zaragozo por eldoni la biografion de L. Zamenhof kaj la eldonon de la turisma Broŝuro fare de la Ministerio pri Turismo.

d— Plifirmigi nian internacian agadon speciale kadre de la Universala Esperanto-Asocio. Ĝis nun nia Federacio kiel landa asocio de UEA en Hispanujo nur havas unu komitatanon —li estas s-ro Luis Hernández García de Valladolid— ĉar ni ne atingis pli ol mil asociajn membrojn. Tamen laŭ la sperto de la unua duonjaro ni estas certaj ke facile HEF povas atingi la nombron 1001, kio permesos al ni elekti du komitatanoj en UEA.

Jes, kiel ni supozis kaj danke al la novaj aliĝintaj Esperanto-Asocioj al HEF, ni superis la nombron da 1001 asociaj membroj, kio permesis al la Federacio jam en la antaŭa jaro proponi al UEA du komitatanojn A. Estis elektitaj s-roj Salvador Aragay kaj Luis Hernández García.

Ni deziras ke ĉiuj aliĝintaj Esperanto-Asocio plu restu en la sino de HEF por la daŭrigo de nia agado en Universala Esperanto-Asocio.

e— Solidigi la Esperanto-Movadon en nia lando helpante la organizadon de novaj E-Asocioj kaj E-Grupoj.

Feliĉe la kultura agado en Hispanio estas nuntempe tre aktiva. Samtempe la nunaj leĝoj por oficialigo de kulturaj asocioj estas tre simplaj. Pro tio la HEF-estraro instigas ĉiumomente la oficialigon de la Esperanto-sekcio aŭ Lokaj Grupoj en agnoskitaj Esperanto-Asocioj. Nur tiamaniere la esperantistaro povas peti al la aŭtonomaj institucioj kunlaboron kaj helpon. Se nun el la aliĝintaj Esperanto-Kluboj aŭ sekcioj 46, nur 30 el ili estas oficialigitaj, ni deziras kuraĝigi la delegitojn ke ili profitu tiun ĉi momenton, ĉar ne ĉiam estis kaj estos tiel facile oficialigi asocion; tiel do, agu tuj.

f— Apogi la agadon de la Hispana Jubilea Komisiono en la diversaj projektoj aprobitaj en ĝia pasinta speciala kunveno: Eldonado de verkoj, Hispana Honora Komitato, Internacia Patrona Komitato, alesto, al la Jubilea Universala Kongreso en Varsovio, ktp.

La Esperantistaro bone komprenis la gravecon de la Jubilea jaro kaj favore agis en la jenaj punktoj:

— Internacia Patrona Komitato. Post la akcepto de la Reĝo Juan Carlos 1-a, eminentaj hispanoj aliĝis al la IPK. Samtempe aliaj landoj atingis de siaj monarkioj ankaŭ similajn subtenojn.
— Honora Komitato en la Hispana Kongreso. Kiel vi konstatos en la kongreslibro la plej eminentaj personoj de nia lando akceptis esti membroj en la Honora Komitato, kaj nun ni povas informi ke almenaŭ 30 hispanoj ĉeestos la Jubilean Kongreson en Varsovio.
g— Plialtigi la nombron de niaj membroj ĝis...??? Vi la reprezentantoj de la E-asocioj, kaj vi individuaj membroj de HEF devas respondi pri tio: kiom da membroj vi deziras ke nia Federacio havu?

Dum la periodo de la lastaj du jaroj, la nombro de niaj asociaj membroj preskaŭ duobliĝis danke al la novaj Esperanto-Asocioj aliĝintaj, sed la nombro de individuaj membroj al HEF restis proksimume sama. Pro tio la HEF-estraro studos atente la lastajn detalojn de nia E-movado.

**La Sekretario**

---

## NACIA LOTERIO N—RO 10385

Meze de oktobro en la HEF-sidejo en Barcelono, estos je la dispono de la esperantistaro loteribiletoj de la NACIA LOTERIO POR KRISTNASKO.

Ĉiu bileto kostos 100 p-tojn, sed oni priludos nur la nominalan valoron, t.e. 80 p-tojn

Interesatoj mendu ilin kaj sendu samtempe la sumon. La mendoj estos validaj nur post ricevo de la koncernaj pagoj.

La HEF-estraro kaj delegitoj de la Esperantaj-asocioj, interkonsentis en Madrido, ke la Esperanta-asocioj pagos al la Federacio, post la revendo de biletoj al membroj, nur po 90 p-toj, kaj devos likvidi la konton aŭ resendi la nevenditajn biletojn, antaŭ ol finiĝos novembro.

---

## DEZIRAS KORESPONDI

---

Aleks Grabovskij, 36-jara, ĉefo de inĝmedicina laboratorio. Kolektas poŝtmarkojn, kovertojn kaj etikedojn de boteloj. Esperantista Grupo "Pacifiko". Ave. Let Vladivoskoka 103. 690039 VLADIVOSTOK 39. CCCP — URSS.
Knabinoj Olga, kaj Laura Pérez. St. Llull 260, 5º 1ª. Esc. Izd. E-08005 Barcelona. Hispanio. —

Universala Esperanto-Asocio
en konsultaj rilatoj kun Unesko
Centra Oficejo:
Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel. (010) 36 15 39




Ĝenerala Sekretario:
D-rino Flóra Szabó-Felső, Zója u. 5/6 VII. 22., H-7624 Pécs, Hungario; ☎ (72) 23274

11.08.1987.Pécs

Al: Komitatanoj kaj Observantoj

Kopie: Landaj Asocioj de UEA

Karaj Gekolegoj,

apudmetite mi sendas al vi la protokolojn de la Varsoviaj komitatkunsidoj. En Varsovio anteŭ, dum kaj post la kongreso okazis pluraj estraraj kunsidoj. Ĉisube mi klopodas resumi al vi la ĉefajn decidojn.

En la komuna kunsido kun la ILEI-Estraro - surbaze de la komitata decido- oni interkonsentis, ke UEA per 1.300 gld subvencios la agadon de ILEI kaj en la revuo Esperanto aperos senpagaj anoncoj por helpi la edukan laboron.

Okazis komuna kunsido ankaŭ kun la TEJO-estraranoj. La reprezentantoj de la junulara sekcio esprimis deziron, ke la aĝlimo de la ordinaraj TEJO-membroj fariĝu 30 jaroj, anstataŭ la nuna 26. Oni aŭskultis raporton pri la sukcesa IJK en Krakovo. Inter la venontjaraj planoj de TEJO troviĝas la kolokvo kun la temo "Nova Internacia kaj Komunika Ordo".

La Estraro traktis pri estontaj kongresurboj, okazis kunsidoj kun kelkaj invitantoj. La Estraro pozitive interesiĝas pri la okazigo de la kongreso en Kubo 1990 kaj en Valencio en 1992.




22. AUG. 1987

ĝenerala sekretario

DIETRICH M. WEIDMANN
ESPERANTO-DELEGITO (UEA)
Ungarbühlstrasse 27
CH-8200 SCHAFFHAUSEN
Svislando Tel. **41-53-55102

KATALUNA ESPERANTO JUNULARO
Apartat de Correus 407
E-08280 Sabadell
HISPANIO (KATALUNIO)

Zürich, la 21-an de aŭgusto 1987

Karaj geamikoj,

kiel la estraro jam informis viajn reprezentantojn en Varsovio, mi devas deklari kun granda bedaŭro, ke laŭ la TEJO-regularo KEJ en la nuna formo ne povas esti landa sekcio de TEJO.

**sentempa simfonio**

**poem-antologio hispana**



hispana literaturo

FEDERICO GARCÍA LORCA

# SANGA NUPTO

KAJ

# LA DOMO DE BERNARDA ALBA

MADRIDA ESPERANTO - LICEO




